


# BOHEMA REVUO ESPERANTISTA

kun literatura aldono

## LEGOLIBRO DE BOHEMAJ ESPERANTISTOJ

**Oficiala organo de bohemaj Esperantistoj kaj de**
**CENTRA ASOCIO**
**BOHEMA UNIO ESPERANTISTA (B. U. E.)**

*Ni laboros por Esperanto.*
*Redakcio.*

CENTRA ASOCIO BOHEMA UNIO ESPERANTISTA. SÍDLO: PRAHA I. 342. KAVÁRNA „UNION". KANCELÁŘ A UČEBNA: II. VODIČKOVA ULICE 38. REDAKCE REVUE: II. DITTRICHOVA ULICE 7.



**1910. PROSINEC — DECEMBRO. IV. 10.**



**Roční předplatné: 3 K.**

**Cena tohoto sešitu s přílohou: 30 hal.**

# Časopis Českých Esperantistů
# Bohema Revuo Esperantista

vychází 10krát ročně (kromě srpna a září).

eliras monate (krom aŭgusto kaj septembro).

Redaktor: **Ed. Kühnl.**

Předplatné (ročně 3 K pro Rakousko, Fr. 3·75 pro cizinu), a vše týkající se časopisu, budiž zasláno pouze na adresu: „Časopis Českých Esperantistů“, Praha II.-2023, Dittrichova ul. 7. Redakce vyhražuje si právo upraviti články pro tisk. Netištěné rukopisy se vrátí, byla-li přiložena známka; pracem původním dána přednost.

Abonpago, akceptata por almenaŭ unu jaro (Fr. 3·75 = 1·50 Sm por fremdlando, 3 K por Aŭstrio), kaj ĉio, kio koncernas la gazeton, estu sendata nur laŭ la adreso:

**„Časopis Českých Esperantistů“ en Praha II.** **(Bohemujo - Aŭstrio).** II.—2023. Dittrichova ul. 7.

La redakcio rezervas por si la rajton korekti la manuskripton por la preso; la nepresitaj manuskriptoj estos redonitaj, se oni almetis poŝtan markon. Originalaj artikoloj estos ĉiam prefere akceptitaj.

Účet poštovní spořitelny 93.281.

* *

ČEŠTÍ ESPERANTISTÉ PŘEDPLÁCEJTE SVŮJ ORGÁN

**Časopis Českých Esperantistů,** *který bude vycházeti počátkem měsíce o 20 stranách s literární přílohou.* **Před***platné 3 K (pro sdružené kluby K 2·50, při hromadné objednávce alespoň 5 ex.). Zprávy třeba zasílati do 20. Obsah revue rozšířen o jazykového rádce.*

***Redakce s povděkem přijme a případně uveřejní návrhy na zlepšení revue a žádá P. T. čtenáře, aby s ní sdělili, co se jim na našem časopise nejvíce líbí.***

**Bohema Revuo Esperantista** aperados je komenco de monato po 20 pĝ. kun literatura aldono. Abonpago 3 K. La enhavo de la revuo estas riĉigita per lingva fako.

La redakcio danke akceptos kaj laŭokaze publikigos la proponojn pri la plibonigo de tiu ĉi revuo kaj petas la legantojn pri afabla komuniko, kio al ili plej multe plaĉas en nia gazeto.

---

## OBSAH — ENHAVO:



---

*Pozn. Cena ročníků I., II., III., IV. snížena se 3 K na K 2·50 vypl. (pro členy spolků B. U. E. po 2·20 K). Příloha „LEGOLIBRO“ jest obsažena v roč. III., IV. atd.*

---

# SNÍŽENÍ PŘEDPLATNÉHO.

*Redakce našeho časopisu majíc na zřeteli pouze prospěch Esperanta a nesledujíc jiných cílů než organisaci našich řad a propagandu Zamenhofova jazyka, rozhodla se v zájmu všech spolků sdružených v Ústředním Svazu Bohema Unio Esperantista snížiti předplatné a poskytnouti krom toho tak výhodné platební podmínky, že* **všichni** *členové všech spolků mohou časopis náš odebírati a čísti. Uznáváme, že nelze činiti odebírání časopisu závazným pro členství ve spolcích, ale doufáme, že veliká většina dá na jevo svůj zájem o náš orgán a že ve mnohých spolcích uvedené výhody bude využito všemi členy. Časopis bude vycházeti jako dosud v sešitech o 20 str. a vynasnažíme se, pokud bude nám možno, rozšířiti jeho obsah o články nových oborů.*

*Při hromadných objednávkách, které budou nám zaslány na adresu Č. Č. E. jednatelem klubu, jest účtován* **ročník pouze za K 2·50 vypl.** *pro členy spolků sdružených a těch, které se za součinnosti našeho Ústředního Svazu B. U. E. ustavují. Kteří členové chtějí dostávati časopis po celý rok přímo poštou, nechť zašlou prostřednictvím p. jednatele předem K 2·50. Ti pak, kteří budou si časopis po jednotlivých číslech u p. jednatele odebírati, zaplatí jemu každé jednotlivé číslo zvlášť a stržený obnos bude nám pak měsíčně zasílán před vyjitím nového čísla prostřednictvím spolku. Složní list pošt. spoř. bude ke každé nové zásilce čísel (do komise) přiložen. Žádáme proto všechny pp. jednatele spolků, aby nám laskavě sdělili pokud možno nejdříve, kolik členů bude odebírati časopis 1) přímo s poštovní zásilkou (splatno předem K 2·50 se zasláním adresy) a 2) po jednotlivých číslech zasílaných do komise (splatno před vyjitím dalšího, n o v é h o čísla vždy hromadně).*

*Starší ročníky Č. Č. E. jsou zasílány členům spolků za cenu sníženou: místo po 3 K pouze po K 2·20 vypl. Upozorňujeme zvlášť na ročník III. a IV., v nichž jest obsažena „Literární Příloha“ s překladem „Babičky“. Jsme přesvědčeni, že tím větší zájem o Esperanto v našich spolcích bude se jeviti, čím více členů bude míti příležitost pročítati náš ústřední orgán a studovati i mimo dobu schůzí texty esperantské a zprávy o hnutí našem u nás i v cizině. Můžeme to snad i považovati za samo-*

*zřejmou morální povinnost pravého Esperantisty, aby měl ve své knihovně sbírku všech ročníku „Časopisu Českých Esperantistů“, jejichž četbou nejlépe může se ve studiu Esperanta vzdělávati.*

*Nepochybujeme, že stejně jako před dvěma roky byla s potěšením přijata naše zpráva o rozšíření Časopisu o Literární Přílohu (při nezměněném předplatném), tak i dnes řada nových přihlášek přesvědčí nás o sympathii, která bude nám vzpruhou k další práci.*

*NB. Předplatné pro přímé předplatitele zůstává nezměněno: 3 K.*

Členové „Klubu Esperantistů v Praze“ („u Donátů“) a ligy jednotlivců „Bohema Asocio Esperantista“ dostávají časopis **zdarma** za roční členský příspvěvek 4 K (bez časopisu 2 K). Tento příspěvek, splatný alespoň ve dvou lhůtách, budiž zaslán prostřednictvím red. Č. Č. E. přiloženým složním listem pošt. spořitelny, na němž budiž poznamenáno „Klub“ nebo „Svaz“.

*Redakce.*

# PARTO OFICIALA.

Výbor Unie upozorňuje, že zprávy úřední na tomto místě o činnosti Unie uveřejňované jsou vyňatky ze zápisů o schůzích výborových, které na základě listin a zpráv došlých ve schůzi výboru se přednášejí a výborem schvalují. Ve příští schůzi zápis se předčítá a není-li proti němu námitky podpisem předsedy a zapisovatele ověřuje. Tyto české zprávy do Esperanta přeložené rozesílají se ostatním redakcím esp. časopisů. Jest tedy samozřejmo, že úřední tyto zprávy nejsou nikterak „zveličené“ ani „vylhané“, jak jistý „přítel“ naší Unie opovážil se vytisknouti. *Výbor Ústředního Svazu Bohema Unio Esperantista.*

La komitato de Unio atentigas, ke la oficialaj raportoj publikataj sur tiu ĉi loko pri la agado de Unio estas elĉerpitaj el la protokoloj de la komitataj kunvenoj, kiuj laŭ leteroj kaj sciigoj alsenditaj en la komitata kunveno estas prezentataj kaj aprobataj. En la sekvanta kunveno oni relegas la protokolon kaj atestas ĝin per subskriboj la prezidanto kaj la protokolisto, se neniu membro kontraŭstaras. Ĉi tiuj raportoj, tradukitaj esperanten, estas sendataj al la ceteraj redakcioj de esperantaj gazetoj. Estas do evidente, ke ĉi tiuj oficialaj raportoj estas neniel „pligrandigitaj“ nek „mensogaj“, kiel iu konata „amiko“ de nia Unio kuraĝis prese disvastigi. *Komitato de la Centra Asocio Bohema Unio Esperantista.*

# MISTERA PAPERPEZILO.

Felietono el „První kniha povídek a črt" („Unua libro de rakontoj kaj skizoj"), de Svatopluk Čech.

Estis — ne estis. Estis unu ministro de kulto, kies nomon mi ne profanos. Estas al vi certe konate, ke ministroj havas suficâajn enspezojn, por ke ili povu uzi kiel paperpezilojn ornamitajn statuetojn. Kutime elektas ĉiu el ili statueton, kiu iel, eĉ se de malproksime, koncernas lian fakon: ministro de militaj aferoj ekzemple mortantan gladiatoron, ministro de financoj malgrandan almozulinon, ministro de eksteraj aferoj rumanan hebreon k. s.*)

El la sama motivo prezentis pezilo de nia ministro Palas Atenon, armitan, kiel ŝi iame elsaltis el kapo de Tondrojetanto. Samtempe okupis tiu ĉi figureto ankoraŭ alian oficon. Ĝi formis por sinjoro ministro ian koncentrigan punkton de ideoj: dum skribado scie li fiksadis okulojn je ĝi, kion li tiel kutimis, ke li estus nekapabla dum ĝia foresto verki eĉ mizeran cirkuleron.

Kaj foje okazis, kiam sinjoro ministro fiksis la okulojn je la statueto, ke li konsterniĝis, plumo elfalis al li el mano, la okulojn li per manplato frotis, ilin denove je pezilo fiksis kaj poste streĉis tremantan manon kontraŭ sonorilo.

Post lia sonorigo eniris griza servisto.

„Johano," demandis lin sinjoro ministro, ĉirkaŭvualinte per naztuko la kaŭzon de sia miro. „Johano, diru al mi, kie la figureto, kiun ĉi tie mi kovras, havas sian kaskon?"

„Sur la kapo, ekscelenco!"

„Rigardu!" ordonis sinjoro ministro, depreninte la naztukon.

„Hodiaŭ ĝi bonvolas havi ĝin en la mano."

„Kaj tion vi diras tiel indiferente, kiel se vi dirus: ‚hodiaŭ estas bela vetero'? Ĉu estas eble, ke neviva figureto deprenu sian kaskon? Ĉu vi ne vidas en tio evidentan ribelon kontraŭ leĝoj de naturo? Stranga, tre stranga afero! Kaj vi sole diras, ĝi havas la kaskon en la mano, kvazaŭ ĝi estus ĉe tiaj statuetoj naturdevena kutimo. Johano mi vidas, ke vi maljuniĝas, ke via saĝo malheliĝas, jam vi preskaŭ ne estas bezonebla, jam tempo, ke mi vin faru ie lerneja inspektoro . . . Stranga, tre stranga afero!"

Efektive fariĝis tre stranga afero! Minervo tenis la kaskon, kiu aliafoje ŝiajn riĉajn buklojn ĉirkaŭis, en streĉita mano laŭ la sama maniero, kiu kutimiĝis inter loĝantoj de vojkruciĝoj.

---

*) Mi opinias, ke ne estas bezone glosi tiujn ĉi junajn eksperimentojn de felietonoj, skribitajn preskaŭ antaŭ tridek jaroj, per klarigoj de aludoj je tiamaj rilatoj kaj ĉiutagaj aktualajoj.

„Mi dirus, ke tio estas nepra neebleco,“ murmuris sinjoro ministro, trapaŝante energie la ĉambron. „Sed ĉi tie mi tion vidas, palpas. Jen! Kiel tendence ĝi etendas siau kaskon — oni ŝovus ja manon en la poŝon. Dio! kaj tio devas okazi ĵus al mi, al mi, al ministro de kulto en civiliza epoko! Tamen tio estas miraklo in optima forma, ke homo per ĝi povus rigardinfektiĝi. Harojn el kapo mi elŝirus. Pro kio mi serĉas por niaj universitatoj profesorojn el ĉiuj anguloj de Germanujo, kiam ĉi tio povas okazi! Ho ve, se tio malsekretiĝus! Ĉiu pedelo konjektus, ke li povas permesi al si miraklojn. Ultramontanistoj ĝojpremus la manojn, fremdlando elridus nin . . . Johano se vi pri tiu okazintaĵo ie ajn sole unu vorton ellasos, mi vin forpelos, aŭ mi vin ŝovos en normalan lernejon — dio sciu — en normalan lernejon!“

Johano mallevis profunde la grizan kapon, metis la fingron sur la buŝon kaj la dekstran manon li levis kontraŭ ĉielo.

Cetere, li estas fidinda!

* * *

Ho, Jelka, malriĉa infano de stepo, kie ci trovis la misteran nukseton, fermantan en si tiun silkan gloron, kiu ĉe cia kalkano susuras. Ĉu ci forrabis al reĝo de serpentoj tiun oran zoneton, kiu trabrilas nokton de ciaj haroj? Kaj tiujn perlojn, dronantajn sur ondoj de cia brusto, ĉu ci elploris ilin el mallumaj magiaj okuloj? Neniel! Doloro por ci fabelo, kaj ludema papilio de rideto ĉirkaŭflugas de mateno ĝis vespero cian malgrandan buŝon.

Ekzistas unu griza kapo, kiu al zorgo pri bono de la ŝtato aldonis zorgon pri luksa ornamaĵo de cia korpo, kaj kiun por tio ci lulas sur floranta brusto.

Tamen, kio eble tiun grizan kapon turmentas, ke dum kelkaj tagoj vane ci penas forkisi al ĝi la sulkojn de frunto nubiĝinta? Ci balbutas — li sole per unu orelo aŭskultas ciajn ĉarmajn sensencaĵojn, ci ridas — li kun ci ne ridas; ci koketas per silka ŝueto — li tiel malgaje rigardas, kvazaŭ balancus anstataŭ ŝueto lia eksiĝo sur la pinto de cia piedeto.

Malgranda Jelka ne estas scivola, dio gardu! sed ŝi volus enverŝi balzamon de konsolo en kaŝitan vundon de tiu, kiun ŝi super ĉio amas. Super ĉio — ĉu vi komprenas? Laste ŝi ripetis tion al li hieraŭ, kiam ŝi flatelpetis de li modestan oficon por Arturo . . .

Kiam delikata knabina kapeto iun kapricon elektas, certe ĝi atingos la celon.

Kiom helpis al griza amanto, ke li kontraŭdiris: „Anĝeleto, mi ne povas. Tio estas sekreto por mi tro grava!“ Tamen li devis

devuali sian sekreton, tiun profundan sekreton de reviviĝinta statueto. Kaj li ĝin enterigis sub triobla sigelo de silento en la ĉarma brusto de Jelka. Kaj la trian tagon ĝi solenis sian reviviĝon.

* * *

Vere, nur la trian tagon. Ĝi eĉ ne estas versimila: nur la trian tagon Jelka konfidis tion al sia silentema amikino, kaj nur la kvaran oni parolis pri tio sur la stratoj.

Tiam estis multe da homoj, kiuj havis nenion pli urĝe farotan, ol komentarii la ministrajn farojn per nekonvenaj rimarkoj, estis multe da malbone vestitaj estajoj, kiuj sin trenis dum antaŭvespero en kafejojn, por ke ili kritiku la administracion kaj restu ŝuldantoj, estis multe da ĉetere seriozaj regnanoj, kiuj por unu glaso da biero prenadis sur sin obstinan, por la ŝtato danĝeran mienon.

Ĉiuj ĉi tiuj kaj aliaj jetis sin sopire je la pikanta historieto pri la mirakla paperpezilo. Ultramontanistoj, malkaŝaj kaj sekretaj, vidis en tio fingron de dio kaj komencis manĝi fajron, revivigi mortintojn, marŝi tra aero kaj fari ĉiujn aliajn miraklojn, ke terure estis tion rigardi. Homoj de malgranda kredo spionis en tio Jezuitojn kaj uzis ĉi tiun okazon, por ke ili denove montru, ke ili ne kredas je diablo kaj je merito de fasto. Multaj ankoraŭ preterlasante la mirAklan flankon per silentado, koncentris sian ŝercon je la strečita kasko de la diino de artoj kaj scienooj, jetante ĉirkaŭ sin per aktualaj frazoj pri duonpatrina zorgado pri ĉi tiu fako.

Kontraŭ ĉiuj ĉi tiuj eliris certe saĝaj, senantaŭjuĝaj k. t. p. gazetoj en- kaj eksterlande. Ili neadis, ke la dirita miraklo entute estus okazinta kaj jesigante ĝin per inconcessum, ili rifuzadis klarigon, kvazaŭ Minervo havus kaŭzon pri io peti. Ili montradis je grandigantaj elspezoj por aktiva militistaro, por sennombra oficistaro, je publika opinio de Eŭropo — kio do povas rezulti? Ili diris, ke elspezoj en kulta fako apartenas propre al komunumoj kaj landoj, al regno sole la inspekto, kaj tiun ĝi prizorgas per la plej kapablaj organoj. Ili atentigadis pri evolucio de enlandaj universitatoj kaj pri aliaj similaj aferoj. Glate ŝvelinta dispona monsaketo laŭdire dum tiuj klarigoj sufiĉe faldiĝis.

Kaj intertempe staris sur la tablo de sinjoro ministro diino de sciencoj kaj artoj, etendante la kaskon, kvazaŭ almozpete, kaj (konforme al fabela finiĝo) se ĝin Johano ne frakasis, ĝi staras tie ĝis hodiaŭ.

*Trad. Alex. Vl. Zahel.*

# LA VOJEVODO.

(EL MICKIEWICZ.)

En vespero somera vojevodo kolera
Al la hejma kastelo rapidas:
Al la lito edzina kun teruro senfina
Li alvenas. Neniun li vidas.

En doloro brulanta kaj per mano tremanta
Sian grizan lipharon li prenis
De la lito foriris, la manikojn retiris
Kaj ektondris kozako alvenis.

„Kial, best' abomena, mia pordo ĝardena
Restas nokte sen hundo, sen gardo?
Prenu tuj mian sakon kaj pafilon kozakan
Kaj silente min sekvu, bastardo!"

Kun pafil' en la mano al ĝardena altano
Ili ambaŭ sen bru' alŝteliĝas.
Sur la benka herbajo ia lumas blankajo:
En tolajo virino vidiĝas.

Unu manon levinte, la okulojn kovrinte,
Per la dua forpuŝi ŝi penis
Unu viron petantan, surgenue starantan,
Kiu nun en la brakoj ŝin tenis.

Kaj en flama fervoro li parolis: „Ho, koro,
Ĉu jam ĉio por ĉiam perdita?
Eĉ la premoj de l' mano per la mon' de l' tirano
Ĉiuj estas jam foraĉetitaj?

Mi vin tiel amadis, por vi tiel bruladis, —
Malproksime nun plori mi devas:
Li ne amis, ne ploris, nur per mon' eksonoris, —
Kaj li ĉion por ĉiam ricevas.

Sur la brusto anĝela lia kapo malbela
En dorloto de nun ripozados,
De la roza buŝeto, de la ruĝa vangeto,
Li ĉielan feliĉon suĉados.

Sur ĉevalo fidela, en vetero kruela,
Mi rapidas al mia anĝelo —
Por sopire foriri kaj al vi nur deziri
Bonan nokton en lia kastelo . . ."

Ŝi silentas senmove; li komencas denove
Sian plendon kun petoj kaj ploro,
Ĝis la brakojn lasinte, la konscion perdinte,
Ŝi defalis al li al la koro.

En l' arbaĵo silente, aŭskultante atente,
Staras ambaŭ gardantoj kovritaj.
Ili staras genue, en la manoj senbrue
La pafiloj ektremis ŝargitaj.

„Estro!" diris kozako, „ia stranga atako
Al mi ligas subite la manon;
Brulan sentis mi larmon kaj skuantan malvarmon,
Kiam tuŝi mi volis la ĉanon."

— „Pesto! mi vin jam skuos, mi vin plori instruos!
Jen saketo kun pulvo: sen vorto
Vi preparos, vi pafos, kaj se ŝin vi ne trafos
Mi edzigos vin mem kun la morto.

„Supren, dekstren, senskue! Mi ekpafos. — l' unue
De l' amanto diskrevu la koro."
La servanto ektiris, kaj la kuglo eniris
En la frunton de . . . lia sinjoro.

*El Krestomatio.* *L. Zamenhof.*

# Z CELÉHO SVĚTA.

**Zkoušky z Esperanta na školách.** Jak známo, vyučuje se Esperantu od r. 1907 na obecných a středních školách města Lille ve Francii. Každoročně podrobuje se dobrovolně 400 až 500 kandidátů 12—15letých zkoušce, která sestává z překladů, čtení a vysvětlivek. Kdo nedosáhl známky „velmi dobré", může za rok zkoušku opakovati V komisi zasedá vedle inspektora Mineta několik učitelů a Esperantistů, kteří sami vyšší zkoušku podstoupili. Letošního roku přihlásilo se z deseti dívčích škol 188 žaček (164 prospěly) a ze 12 chlapeckých škol 257 žáků (233 prospěli). Vysvědčení (vzor), která jsou kandidátům udělována, možno si vyžádati od F. Durieuxa, řed. školy „Montesquieu" v Lille, 71. rue de Bouvines (známku na odp.). — Již patnáctým rokem budou pořádány **prázdninové kursy** na universitě **v Grenoblu** ve Francii, jichž účelem jest poskytnouti cizím studujícím příležitost zdokonaliti se ve francouzštině Značný počet posluchačů (1100 ročně) jest získán Esperantem, kterému se v učební osnově věnuje několik hodin týdně. Letošního roku byl vydán informační list o organisaci těchto kursů též v Esperantu a zasílá jej interesentům zdarma jednatel spolku esp. M. Roy, Grenoble, 3. rue Anthoard.

**Esperanto a vzduchoplavba.** Jak jsme se již zmínili, získalo Esperanto nadšené přívržence v aviatikovi Farmanovi a redaktoru časopisu Aéro E. Archdeaconovi, kteří shromáždili kolem sebe již řadu nových adeptů aviatiky a přátel Esperanta. Zajímavá historka odehrála se letos na letišti v Mourmelonu, kde ruský pilot Efimov, neznaje francouzštiny, marně se namáhal smluviti se s Farmanem o koupi létadla a o pokusných letech. Oba však byli uspokojeni, když Archdeacon, který již dověděl se o cíli návštěvy Efimovy, zaslal oběma učebničky Esperanta, tak že po několika-

denním studiu mohli se oba dostatečně srozuměti. Od toho dne stalo se Esperanto nepostrádatelným na letišti mourmelonském. — Velmi zajímavou knihu vydal Archdeacon v těchto dnech pod názvem „Pourquoi je suis devenu Espérantiste“ (Proč jsem se stal Esperantistou), v níž líčí význam, stavbu a rozšíření Esperanta. Úvod k tomuto obsažnému dílu napsal H. Farman. — Při hostině pořádané v Beauvais na počest aviatika A. Leblanca, vítěze známého závodu Circuit de l' Est, pronesl předseda místního klubu esp. M. Demarcy přípitek, v němž poukázal na důležitost Esperanta pro mezinárodní vzduchoplavbu. — Pařížský denník „L' Eclair“ uveřejnil významné Farmanovo prohlášení: „Esperanto jest jazyk krásný, jednoduchý a snadný. Nechápu, proč veřejnost Esperanto nestuduje. Ujišťuji, že po 10 až 30 minutách studia s učitelem lze zcela překládati dopisy. Ujišťuji, že za 2 až 4 hodiny lze psáti, rozuměti a srozuměti se. Ujišťuji, že za 24 až 30 hodin studia možno Esperantem se dorozuměti a hovořiti. Kdyby to veřejnost věděla, bylo by Esperanto všeobecně známo. Dr. Zamenhof jest veleduchem našeho věku.“

Úspěchy Esperanta **v Brazílii**, kde tou dobou pracuje 25 spolků na jeho propagaci, nutno přičísti v první řadě podpoře, které se mu dostává se strany vlády: Ministr Tavares de Lyra osobně předsedal r. 1908 prvnímu národnímu kongresu. Ministr Lauro Müller schválil užívání Esperanta v telegramech. Ministr Miguel Calmon podporoval vydání esperantské informační knihy o národní výstavě; toto obsáhlé pojednání bylo podnikem vlády. Min. vojenství H. de Noncesa, nyní president republiky, dovolil zahájiti kursy Esperanta na vojenských školách. Starostové Rio de Janeira Souza Aguiar a S. Correia zřídili kursy Esperanta ve všech městských vzorných školách, tak že 400 žáků učí se dnes Esperantu. Presidenti jednotlivých států osobně súčastňují se přednášek o našem hnutí a ministr vnitřních záležitostí delegoval M. Souzu jako zástupce na kongres Washingtonský, aby dostalo se mu nejnovějších zpráv o pokroku Esperanta. Konečně schůze vládní komise pro reformu školství jednohlasně schválila návrh hraběte Affonse Colso, aby Esperanto zavedeno bylo do škol. Není tudíž taková trvalá sympathie vládních kruhů nejlepším dokladem blížícího se triumfu Esperanta?

**Anglická vláda a Esperanto.** Ministerstvo vyučování poskytlo subvenci kursům Esperanta pořádaným již před pěti roky na technice v Keighley. Příznivý výsledek těchto kursů zajistil podporu všem nově zahájeným roku příštího. Od tří let považuje se již Esperanto za učebný předmět pravidelně subvencovaný, jak sděluje vládní výbor pro výchovu redakci „The British Esperantist“ a počet škol, které Esperantu vyučovaly r. 1908—9, dosáhl 33.

Esperanto na českých školách bylo zařazeno do učební osnovy ženské průmyslové školy spolku „Ludmila“ v Č. Budějovicích, kde mu vyučuje 3 hod. týdně p. F. K. Svačina, odb. učitel (z „Výroční zprávy“). V Prostějově navštěvuje kursy řízené p. prof. Aug. Pitlíkem na obchodní akademii 50 žáků a 30 žakyň ústavu.

Největší pařížský denník **„Le Petit Parisien“**, vycházející v milionu ex., přináší v každém čísle rubriku věnovanou našemu hnutí, psanou střídavě francouzsky a v Esperantu. Rovněž veliký denník lyonský **„Lyon Republicain“** dává na jevo přízeň Esperantu četnými články, esp. literárními konkursy a poskytováním svých místností

slavnostem Esperantistů lyonských. — **V Paříži** bylo letos zahájeno 76 veřejných kursů Esperanta. — „**Almanach Hachette**" ročník 1911 vypisuje konkurs esperantský na překlad osmi řádek esperantského a tří řádek francouzského textu. O rozhodnutí požádá redakce ročenky národní svaz esp. Odměnou budou rozdány knihy v ceně 1000 Fr. — Prof. Gustav Gautherot, Docteur ès-lettres, jehož četná díla byla vyznamenána francouzskou Akademií, vydal lingvisticky a sociologicky založené dílo „La question de la langue auxiliaire internationale" (Otázka pomocného jazyka mezinárodního), k němuž napsal předmluvu vice-admiral Bayle, předseda námořní ligy esp. a Esp. Červeného Kříže. Kniha vyšla u Hachette & Co., Paris (Fr. 3·50, 314 str.).

**Uzu vian plumon!**

„*Germana Esperantisto*" skribis: „Neniam oni povas troe prediki al la Esperantistoj pri la utilo de plumo kaj iom da papero. Ie aperis katalogo pri — aŭ en Esperanto. Ĉoje en via ĉambreto vi aplaŭdas, via koro ĝojtremas — sed via faras nenion. Kial? — Skribu tuj poŝtkarton al la firmo aŭ gazeto. Kiam aperis kontraŭula artikolo — skribu tuj, skribu ĉiam, ĉie, ĉiel! Ni estas fortaj, ni devas uzi nian forton." Ni aldonas, ke tiu ĉi admono meritus esti represata en ĉiu numero de ĉiuj gazetoj, ĉar sole tiam la indiferentuloj estos konvinkitaj pri nia forto, se ili vidos multe da laboremaj propagandistoj. Ekz. en iu gazeto aperis atako kontraŭ Esperanto, ke ni sole amuziĝas per tradukado de poemoj, dume la reformistoj (Ido, Ilo, Ildo k. a.) laboras pri starigo de teknika terminologio. Ne sole la unua, kiu ĝin legis en tiu gazeto, sed ĉiu Esperantisto vidanta tian malveron skribu tuj al la redaktoro informon, atentigu lin pri tio, kiom da teknikaj verkoj Esperanto posedas, citu ilin kaj admonu, ke li ne represadu por estonte malverojn, kiujn iu ajn sendas al li kun intenco naski disputojn, malhelpi nian laboron, kaj ridindigi Esperanton antaŭ la vasta publiko, ema senpripense kondamni kaj rifuzi, se ĝi havas okazon juĝi laŭ supraja kono. Uzu viajn vortojn, uzu viajn fortojn!

**Zamenhof kaj premio de Nobel:**

Jam en la jaro 1908 ni publikigis en nia revuo (n-o 9, pĝ. 144) alvokon de Bohema Unio Esperantista, per kiu la influaj personoj en niaj vicoj estas atentigataj pri la merito de nia Majstro, kiu rajtas esti kronita per la **premio de Nobel.** Ĝis hodiaŭ oni sole diskutis pri tio — neniu klopodis pri realigo de la justa postulo. Ni refoje atentigas, represante el L. I. kelke da informoj pli detalaj:

La disdono de la *Nobel-Premio por la Paco* okazos la 10. de decembro 1911. La kandidatoj devas esti proponitaj de rajtigitaj personoj antaŭ la 1. de febrauro 1911.

Estas rajtigitaj por proponi kandidatojn: 1-e La nunaj kaj eks-membroj de la Nobel-Komitato kaj la Konsilantoj apud la norvega Nobel-Komitato; 2-e La membroj de la leĝdonantaj Ĉambroj kaj de la Registaroj de la diversaj Ŝtatoj, kiel ankaŭ la membroj de la Interparlamenta Unuiĝo; 3-e La membroj de la konstanta arbitracia Kortego en Hago; 4-e La membroj de la Komisio de l'Internacia Konstanta Oficejo de Paco; 5-e La membroj kaj asocianoj de la Instituto de Internacia juro; 6-e La profesoroj de juro kaj de politika scienco, de historio kaj de filozofio en la Universitatoj; 7-e La personoj, kiuj jam ricevis la Nobel-Premion por la Paco.

La Premio Nobel por la Paco povas esti donita al instituto aŭ asocio. Laŭ la 8-a artikolo de la Statutoj de la Nobel-fondo, ĉiu propono devas esti motivita kaj akompanita de la skribajoj kaj aliaj dokumentoj, kiuj ĝin pravigas. Laŭ la artikolo 3, ĉiu skribajo, por ke ĝi estu akceptata por la konkurso, devas esti prese publikigita.

Por ĉiuj pluaj sciigoj, la *rajtigitaj personoj* estas petataj sin turni al la Nobel-Komitato de l' Norvega Parlamento, Drammensvei 19, Kristiania.

**Malegala legado.** Patrineto, mi ricevis leteron de sinjoro Roberto, li petas mian manon; ĉu vi permesas, ke mi ĝin donu al li? — Sinjoro Roberto? Ho, mia naiva, ĉu vi bone komprenas la dezirojn de sinjoro Roberto? — Legu do mem, patrineto, kion li skribas: „Fraŭlino, donacu al mi vian manon! mi povas vivi nur por vi! Per floroj kaj baloj mi plenigos vian tutan vivon! Kun via kiso mi iros al la fino de la mondo!" — Ha, ha, ha! sed vi ja tute ne bone legis la leteron! Rigardu, kion li skribas: „Fraŭlino, donacu al mi vian monon! mi povas vivi nur per vi! Per ploroj kaj batoj mi plenigos vian tutan vivon! Kun via kaso mi iros al la fino de la mondo!"

## U. E. A. EN AUGSBURG 1910.

La tutmonde konata Universala Esperanto-Asocio, kies celo estas precipe servi al la membroj pere de Esperanto, organizis dum la libertempo sian ĝeneralan kunvenon en Augsburg, kiun partoprenis delegitoj kaj membroj el tuta Eŭropo. En hotelo „Drei Mohren" okazis la kunvenoj, paroladoj kaj ekspozicio de eldonajoj rilatintaj precipe la Asocion. La lokaj gazetoj, subteno de la urbestraro kaj la laborema komitato garantiis plene kontentigan rezultaton de tiu ĉi festo. Inter la multego da proponoj, kiuj estis presitaj, kelkaj meritas rimarkon kaj aprobon. Sekve de la deziresprimoj estis ellaborita kaj post voĉdonado inter la plen-

rajtaj delegitoj aprobita nova statuto, laŭ kiu kelkaj paragrafoj estas ŝanĝitaj: Kotizaĵo: 50 sd kun senpaga ricevo de Oficiala Jarlibro de U. E. A. — Kreo de nova kategorio de membroj: aprobantoj. Kotizaĵo 1 Sm. — Starigo de ĉiujara kunveno en ĉiu regiono, kie estas minimume 20 membroj kaj en ĉiu distrikto, kie estas almenaŭ 100 Esperantianoj. Kreo de internacia komitato enhavanta 10 membrojn, kiu sidos en Genève. — Stario de regiona kaso. — Starigo interne de U. E. A. de reprezentado de la fakaj internaciaj organizaĵoj.

Dum tiu ĉi jaro la mombro de la Esperantianoj atingis 8000, la nombro de la delegitoj 900. Laŭ la statistiko estis en la jaro 1909 liveritaj de ĉi tiuj delegitoj 1573 servoj por komerco, 1012 pri turismo, 359 por junuloj kaj 1029 al travojaĝantaj Esperantianoj. Preskaŭ dek mil leteroj estis de ili ricevitaj kaj forsenditaj.

Redakcio de „Esperanto“ sciigas, ke la gazeto aperados de post la 1. januaro 1911 dusemajne en formo de revuo kaj ke ĝi ne estos plu vendata po numeroj, sed sole al abonantoj. Sin turni rekte al la red. en Genève, 10. rue de la Bourse, kiu sendos al ĉiu senpage la specimenan ekzempleron en la nova formato.

## BIBLIOGRAFIO.

Presa Esperantista Societo, Paris, 33. rue Lacépède: Stanislav Tomiĉ: *La vojo al vero;* originale verkita en Esperanto. Prezo 1 K (36 pĝ. 12 × 18). — Lingvo Internacia: *Literatura Almanako 1910* Kolekto da originalaj poemoj kaj prozaj artikoloj de bone konataj samideanoj. Kun ses portretoj. (73 pĝ. 13 × 17·5). Aldono al L. I. 1910. — *La Biblia Profeto Cefanjaho antaŭanoncinta Esperanton.* El la originalo tradukita (16 pĝ. 11·5 × 17). Prezo 20 Sd (50 ctm). — Prezenti Levy kaj aliaj: *Utileco de Esperanto por blinduloj* (20 pĝ. 12·5 × 18). Prezo 10 Sd (25 ctm). Interesa disertacio premiita per 50 Sm inter la naŭ prezentitaj verkoj skribitaj de blinduloj mem. Je fino, kiel noto, la plej interesaj partoj de la ceteraj laboroj. Tre leginda broŝuro pruvanta, ke „Esperanto faciligante la unuiĝon de la tutmonda blindularo, alportos al ĝi pli da sendependeco. kaj tio estos por la blinduloj la plej alta bono.“ — *Esperanto kaj la blinduloj;* jarlibro por 1910 kun adresaro de la abonantoj de Esp. Ligilo (24 pĝ. 11 × 17·5). Prezo 10 Sd (25 ctm). — *Esperanto und die Blinden. Esperanto and the Blind. L' Esperanto et les Aveugles.* Propagandaj folioj po 8 paĝoj.

Ĉe diversaj eldonistoj: Prof. Cyrill Vörös: *Analitika Geometrio Absoluta.* Unua volumo. La ebeno Bolyai-a. Prezo 4 Sm. Eld. Lud. Kókai, Budapest IV. Károly utca (134 pĝ. 17 × 24). — Ĉe la sama eld.: Prof dr. Peter Török: *Porĉiama Kalendaro* sur la fundamento de la juliana kaj gregoriana kalendaroj kaj io pri la universala kalendaro (22 pĝ. 11 × 15). Prezo 20 Sd). — Antido: *La construction logique des mots en Espéranto.* Réponse à des critiques suivie de Propositions à l' Academie Espérantiste (83 pĝ. 12 × 18). Prezo 60 Sd. — *La logika bazo de vortfarado en Esperanto* (12 pĝ.

10 Sd). Eld. Universala Esperantia Librejo, Genève, 10, rue de la Bourse Leginda studaĵo pri nia lingvo, en kiu la aŭtoro, bazigante sur pricipoj de neceso kaj bezono, klarigas la regulojn de derivado de vortoj kaj ilian uzadon. — *Esper nto. Fidela deklaracio pri la vero elmontrita laŭ la Sankta Biblio kaj distinginda de la kredo populara, kiu tute pruveble, multe konsistas el la fabloj, kiujn venontajn, la apostolo Paŭlo prediris* (52 pĝ. 12 × 18). Eld. Atlas press, Melbourne. Fleming Pl. Aŭstralio. (Nekompareble pli supera ol tiu ĉi tradukaĵo estas la samspeca verko de Zamenhof en la Revuo!) — Ramón Limones: *Veneno*, unuakta komedio originale verkita en Esperanto (30 pĝ. 14 × 20). Prezo 50 Sd. Eld. Imprenta Internacional Meksiko Apartado 2759. — *Psikismo kaj Esperanto*. Eld. Belga spiritista federacio" Anvers. Courte rue de la Boutique 15 (80 pĝ. 14 × 20). — Dr. Andreo Fiŝer: *Esperanta Legolibro por lernantoj* (116 pĝ. 13 × 19). Prezo 30 Sd. Eld. Dr. A. Fiŝer, Tiflis, Sudebnaja 15. Rusujo. Tre utila kolekto da elektitaj artikoloj rekomendinda al la kursoj. Ĉe la sama: Ivan Turgenĕv: *Anjo*. Trad. Dr. R. Fiŝer kaj W. Zemjatin (64 pĝ. 12·5 × 19). Prezo 25 Sd. Bonstila kaj interesa verko. — *Augsburg* (48 pĝ. 11 × 19). Prezo 50 Sd. Sur 25 pĝ. estas priskribita la urbo sufiĉe detale: krom kelkaj bildoj ornamas la (iom tro karan) verkon plano de la urbo. — *Livre - Guide du Creusot — Gvidlibreto de „Le Creusot"*, eldonita france kaj esperante (55 pĝ. 11·5 × 16·5). Prezo 30 Sd (75 ctm). Eld. Esperanto-Oficejo en „La Creusot". Riĉe ilustrita kaj kun valora enhavo! — R. M. Chase: *La Mopso de lia Onklo* Groteskaĵo (48 pĝ. 11 × 14). Prezo 40 Sd. Ne senerara! Eld. American Esperantist Company en Chicago. Ĉe la sama: Al. Dumas: *La kolomba pr mio.* Trad. B. Pavot (48 pĝ. 11 × 14). Prezo 40 Sd. — En la Nova Esperanta Biblioteko (Lódź, St. Miszewski) aperis n-o 1: M. Balucki: *Ama Bileto*. trad. F. Ender (48 pĝ 10 × 13·5). N-o 2. E. Orzeszko: A . . . B . . . C . . ., trad. F. Ender. W. Elski kaj Elska: Unuaj agordoj . . ., poezioj (94 pĝ.). Prezo de ĉiu volumo 20 Sd. — N-o 1. de Universala Esperantista Popol-Biblioteko: *Naŭ historioj pri l' aŭtoritato* laŭ Multatuli. Trad. J. L. Bruijn (16 pĝ. 10 × 16). Prezo 4 Sd. Eld. J. L. Bruijn. Haag, 170. Kepplerstr. Nederlando. — Rudolf Sprotte: *Aoro. stenografio internacia.* Lernolibro por uzo en la lingvoj Esperanto, Angla, Franca, Germana, Rusa kaj Hispana (36 pĝ. 10 × 14·5). Prezo 20 Sd (40 pf.). Eld. Möller & Borel, Berlin.

**KORESPONDANTOJ.** *145. S-o David Vigodskij, *Homel*, Rusujo (dez. kor. pri literaturaj kaj psikologiaj demandoj). — *146. S-o Pierre Bonaventure, 10. rue de Seine, *Choisy-le-Roi*, Seine, Francujo. — *147. S-o Charles Doret, Villa Val Rose, *Chaumont* par Gourieux. Cottage, Oise. Francujo (ambaŭ dez. kor. kun Bohemoj). — *140. S-o Igor Aŝeŝov, Selo *Beogorodskoe*, Nijegorodskoj gub. Igoru Nikolaeviĉu Achechovu. Rusujo (ĉiam kaj al ĉiu samideano el Praha respondos: kolektas p. m., il. k.; donos ĉiujn informojn pri Rusujo). — *149. S-o Albert Norris, Alvarado, Alameda County. California, U. S. A. (interŝ. il. k). — *150. S-o Kapitano Robert S. Sparkman, *Columbia*, South Carolina, U. S. A. membro de nacia publikiga komitato E. A. de N. A. (let., il. k.).

***Rimarko:*** La strofoj de la poemo sur la pĝ. 142. estu legataj en vico horizontala. La nekutiman ordigon kaŭzis la kompostista koboldo.

---

**BOHEMUJO**: Kun anglaj kaj alilandaj samideanoj deziras korespondadi dek Bohemoj. Adresojn sendos nia red. aŭ s-o B. Zadák, instruisto en Březové Hory u Příbrami.

S-o Fr. Rotter en Česká Skalice kolektas il. k. el fremdlando. Li ĉiam tuj resp. per esperanta p.-k. kun vidaĵo el „valo de Ratibořice“ (agadejo de romano publikata en nia „Aldono“).

F-ino M. Mrázková, instruistino en Kutná Hora dez. kor. pri la psikologio de infanoj.

F-ino Lenka Podleská, instruistino en Žebrák ap. Hořovice dez. kov. per il. k.

---

**Kdo si vypůjčil v knihovně redakce Č. Č. E. jakékoliv knihy, jest žádán, aby je laskavě během tohoto měsíce odvedl.**

**Redakce Č. Č. E.**

---

**Eldonanto: Ed. Kühnl. — Presejo de Národní tiskárna a nakl. JUDr Edvard Jan Baštýř a spol. Praha.**